# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**

**Redaktoro Provizora : M. Movo (M. Wittenberg)**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**32-a Jaro N° 430**

**JUNIO 1936**

## POR LA PRAKTIKA AGADO

La nuntempe ĉiam pli ofte okazanta nomigo de stratoj per la nomo de nia Majstro aŭ de nia lingvo atestas pri kreskanta influo de Esperanto, pri rekono de nia lingvo kiel grava socia faktoro.

Estas por ni granda morala kontentigo, ke nia Majstro estas honorata en diversaj landoj de la mondo, en diversaj medioj. Sed samtempe tio estas tre efika propagando por nia afero. Ĉiu nova loko kun Esperanto-strato estas nova pruvo pri la sukcesoj de nia movado, pri ĝia vivpovo, ĝia pasia vivdeziro ; estas nova kuraĝigo por ni mem. Iuloke oni nomas la koncernan straton strato de Zamenhof, aliloke — strato de Esperanto. Zamenhof kaj Esperanto, Esperanto kaj Zamenhof — ideoj certe tute identaj, sed... nur por ni, por esperantistoj. La efiko de la vorto Zamenhof kaj de la vorto Esperanto sur la stratanguloj estas tute malsama, ĉar la vorton Esperanto konas la plejmulto de la urbanoj, sed nur malmultaj scias, kiu estis Zamenhof, kaj tiuj personoj certe ne povas esti influataj de tiu nomo.

Esperanto estas ne nur la nomo de nia lingvo, sed ankaŭ la pseŭdonimo de d-ro Zamenhof. Pro praktikaj konsideroj ni nepre devas ĉiam preferi la pli konatan pseŭdonimon ol la veran nomon. Oni nomas stratojn kaj placojn laŭ Voltaire kaj ne laŭ lia efektive nomo Arouet, Georges Sand kaj ne — Dupin, Gorki kaj ne — Peŝkov.

Estas grave por ni la vorton Esperanto enpenetrigi en la kapojn. Ĉar estas pli malfacile encerbigi du nomojn ol unu, ni devas elekti la nomon Esperanto.

En ĉiu urbo, en ĉiu vilaĝo, kie ni sentas nin sufiĉe influaj, sufiĉe fortaj, ni devas klopodi pri laŭa bapto de strato, de vojo, de parko. Sukceso en unu loko plifaciligos la sukceson aliloke.

Sed ĉiam : Esperanto-strato, Esperanto-parko, Esperanto-vojo.

M. Movo.

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 8 — Junio 1936

*La gazeta demando.*

Interkonsento kun s-ro Jung pri la gazeta demando estas atingita, kaj estos submetita al la Komitato por aprobo. La efektivigo ankoraŭ dependas de eksteraj cirkonstancoj, kaj ni informos la membraron kiam ĉio estas en ordo.

*La Cseh-Instituto.*

Kun la Cseh-Instituto estas pritraktata interkonsento pri kunlaboro.

*La Jarlibro.*

La Jarlibro 1936 nun estas presata, kaj estos dissendata al la membraro dum la tagoj junio 20-30. Se membro ne ricevos ĝin ĝustatempe, li bonvole sciigu al la C.O.

C. GOLDSMITH, *Direktoro.*

## ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Aŭstrujo**

*Braunau am Inn.* — D : J. Salzlechner, Ledergasse 5.
*Ebensee.* — D : Max Heissl, Kalvarienberg. 8.
*Gross Siegharts, N.O.* — D : H. Nowotny, Muhlgasse 60.
V D : Fred Pizl, Seruristo. — *Alt-Dietmanns* 102, *Post Gross Siegharts, N.O.*
*Schruns* (Montafon). — VD : Grete Obexer, Ausserlitzstr. 409.
*Steinakirchen a. Forst.* — D : Hans Zant, Instruisto, Dollfussplatz 45.
*Steyr*, Ob. Oest. — D : Hans Zeller, Drogisto, Schlüsselhofgasse 25.
*Wien VIII.* — (FD. Studentaferoj) : Max Rudolf Frey, Alserstrasse 63a.
*Wien XII.* — (FD. Filozofio) : Hans Steiner, Kalkuloficisto, Bezirkshauptmannschaft Rech. Kass. Dienst Meidl. Hauptstrasse.

**Ĉeĥoslovakujo**

*Görkau.* — D : Stephan Wabra, Kontoristo, Lindenstr. 725.
*Haida.* — (VD) : Rudolf Wotruba, Brehmstrasse 431.
*Karlsbad.* — (V.D.) : D-ro Paul Glaser, Alte Wiese Haus « Börso ».
*Kukleny* (Hradec-Kralové). — D : František Pytloun, Fervojisto, Masarykova tr. 113.
*Moravska-Ostrava-Privoz.* — D : Wilhelm Tandler, Fervojoficisto, Libušina 3-1.
*Neu Falkendorf* 51, ap. Tetschen. — D : Eduard Hübsch.
*Zwickau.* — D : Josef Weikert, Šoforo, Lange Gasse 169.

**Hungarujo**

*Kaposvar.* — D : Bélàné Felszeghy, urnő, Vöröstelek-u. 5.

**Nederlando**

*Amersfoort.* — D : S-ino I. Kooepans-Nauta, Edisonstraat 15.
*Drachten.* — D : J. D. de Vrieze, Noordkade, 19 I.
*Emmen-Dr.* — D : F-ino P. Cohen.

**Norvegujo**

*Horten.* — D : W. Staalstrom, Baggerodgt. 11.

**Svedujo**

*Alfta.* — D : F-ino Hedvig Edvall, Instruistino.
*Nybro.* — D : Karl Ferdinand Lindqvist, Fabriksgatan 4.
*Nyköping.* — D : Olle Lindgreen, Agordisto, St. Annegatan 15.
*Strangnas.* — D : Helmer Almen, Eskilstunav. 24.
*Surte.* — D : Gust N. Ellström.
*Tierp.* — D : Gösta Eriksson, Box 600.

**EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ**

*Germanujo:* Berlin-W. 50, (Lindenmann) ; *Lausa-Weixdorf* (Sachsen).
*Nederlando:* Bussum (D).
*Svedujo:* Höör.
*Usono:* Kingston.

**ŜANĜOJ**

**anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :**

**Acoroj**

*Angra do Heroismo.* — D : Joao Francisco d'Avila, Instruisto, R. Housinho d'Albuquerque, 82.

**Ĉeĥoslovakujo**

*Deutsch-Gabel.* — D : Karl Kuba, Instruisto, Webergasse 58.
*Lazně Belohrad.* — D : Ludoviko Bechtold, Forstoficisto, Svehlova ul 97.

**Danujo**

*Odense.* — D : Erling Vindeballe, Drewsensvej 13.

**Estonujo**

*Tartu.* — D : Vikgor Raukas, Tuule 3.

**Finlando**

*Viipuri.* — D : Eemil Hämäläinen, Kullervonkatu 22 A 39.

**Francujo**

*Avignon* (Vaucluse). — D : F-ino Pauline Fraisse, rue Banasterie, 32.
*Bischweiler.* — D : Charles Wohlschlegel, Kovaparat-fabrikisto, 5, rue des Maraichers. Haguenau (Bas-Rhin).

**Hispanujo**

*Gerona.* — D : Joaquin Vila, Argenteria 5-2-2a.

**Nederlando-Hindujo**

*Jogjakarta* (Java). — D : W. F. Jac. Geldmaker, Instruisto, Gondokoesoeman.

**Norvegujo**

*Trondheim.* — VD : G. Bjornebo, Instruisto, Sorgenfri.

**Svedujo**

*Gävle.* — D : A. K. Örn, Solbacken Stromsbro (Gävle).
*Ystad.* — D : Harald Skog, Tingshusg.

**Svislando**

*Basel.* — D : André Schild, Oficisto, Gartenstrasse 113.

**EDZIĜO**

Fraŭlino Helut Ezopówna kaj s-ro Edmund Fethke edziĝis en majo 1936. Niajn korajn gratulojn.

## Niaj mortintoj

F-INO FANNY BONNET, Paris 9 - Delegito de UEA por Stenografio

---

Je la fino de aprilo mortis la ĝenerala sekretario de Belga Ligo Esperantista, HENRI PETIAU. Dum multaj jaroj li estis prezidanto de la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj (K. R.) Li delonge laboris por la Esperanto-movado kaj en 1913 estis unu el la precipaj organizantoj de la « Esperantista Semajno » en la kadro de la Universala Ekspozicio en Gent. La saman jaron li fariĝis ĝenerala sekretario de Belga Ligo Esperantista kaj okupis tiun ĉi postenon ĝis sia lasta tago. UEA perdis en la mortinta ageman membron de sia komitato.

Ni tutkore kondolencas niajn belgajn samideanojn. La foriro de HENRI PETIAU estas tamen bato ne nur por la belga movado.

---

La 22an de aprilo mortis en Madrido pastro MARIANO MOJADO, al kiu la Hispana Esperanto-Asocio, kies sekretario li estis dum la unuaj jaroj, dankas grandan parton de sia sukceso. Li estis prezidanto de la Hispana Esperanto-Instituto kaj membro de la Lingva Komitato. Korajn kondolencojn.

# " Informilo pri U. E. A. "

Sub la titolo « Informilo pri UEA », cirkulero estas sendita al ĉiuj Delegitoj de UEA, okaze de la voĉdonado pri translokigo de UEA el Ĝenevo al Londono.

Ni tre bone komprenas, ke la samideanoj, kiuj kontraŭas al decido proponata por voĉdonado, deziras aŭdigi siajn argumentojn. Tiamaniere, la voĉdonontoj aŭdos ambaŭ opiniojn.

Sed en tiu cirkulero — pli verdire « pamfleto » — la afero estas prezentata kun eraroj, kiuj povus doni al la leganto malĝustan impreson. Tial ni devas respondi kelkajn mallongajn liniojn, tute ne intencante diskuti vorton post vorto.

Mi ne parolas pri la jura problemo, ĉar, kiam oni vidis, ke ekstariĝos sufiĉnombra protesto, voĉdonado de Delegitoj esti organizita. Eble tuja oficiala peto de la kontraŭuloj al la Centra Oficejo, postulanta prokraston ĝis rapida enketo, estus estinta preferinda al proceso kontraŭ UEA. Sed ni ne parolu pri la pasintaĵo.

Pri la materia vidpunkto, oni certigas, ke « UEA ne vivos pli malmultekosta en Londono ». Tiu aserto estas malĝusta. Jen kelkaj ekzemploj : Salajro de Direktoro, laŭ sama tarifo, sed pagota per angla mono, ŝparus pli ol trionon de la sumo. Eĉ dum la dua duono de la nuna jaro, la ŝparoj estus kompensintaj la transportelspezojn, inkluzive aĉeton de necesa meblaro, ĉar pli malmultekoste estas vendi la nunan meblaron, kaj reaĉeti, ol transporti. En Anglujo la afranko por eksterlanda letero estas 2½ p., kaj en Svisujo la afranko por la sama letero estas 30 c. kio estas precize 5 p. Kiam la Brita Asocio posedos sian domon, ĝi povos luigi al UEA ĉambraron je favora prezo. Tio ne estas « humila peto» sed amika interhelpo. Eĉ nun la lupago en Londono estos ne multe pli ol la duono de tio en Ĝenevo.

Sed tio, kio kostas al ni, estas la nuna deviga restado en Ĝenevo, kiu trudas diversajn elspezojn kaj definitive malebligas ekvilibron de nia nunjara budĝeto.

Pri la morala vidpunkto, bedaŭrinda estas forlaso de Ĝenevo, ĉar tiu urbo estis simbolo por multaj malnovaj Esperantistoj. Tamen ni ne troigu la praktikajn avantaĝojn. UEA ekzistis jam pli ol 25 jarojn, ĝi vivis en la urbo de la Ligo de Nacioj, de la Ruĝa Kruco, ktp. Jes. Oni diras, ke multaj eminentuloj vizitis nian Oficejon. Bone. Kiujn praktikajnrezultatojn ni ricevis? Ĉu ili estas tiom valoraj, kiom oni ŝajnas diri ? Londono estas la komerca kaj poŝta centro de Eŭropo, oni povus diri « de la mondo ». Oni rajtas esperi, ke nia propagando en tia urbo havos almenaŭ tiom da praktikaj rezultatoj, ol en Ĝenevo, kaj ke la « morala flanko » ne malplivaloriĝos.

Fine, oni rimarkigas, ke « la Svisa Civila Kodo estas libereca, protektas la rajtojn de la membroj ». Ĉu vere Anglujo estas lando de sklavoj aŭ de sovaĝuloj ? Ĉu ĝi ne estas ankaŭ centro de libereco ? Ĉu en tiu lando ne ekzistas multaj asocioj, eĉ internaciaj, tute liberaj ?

Mi finos per unu rimarko. La aŭtoroj de tiu Informilo montris tre grandan intereson por la financoj de UEA, zorge esploris la diversajn partojn de nia budĝeto, kalkulante la eblajn ŝparojn, ktp. Kiel bedaŭrinde estas, ke dum multaj jaroj, kiam UEA enprofundiĝis en la ruiniĝon, tiuj personoj silentadis ! Ili ekinteresiĝas pri nia mono kiam ne plu estas mono. Se ili estus publikigintaj kelkajn « Informilojn » dum tiu longa periodo, se ili estus devigintaj UEA fari siatempe la necesajn reformojn, eble hodiaŭ ĉio estus en ordo, kaj ni ne bezonus serĉi solvon, kiu prave ĉagrenas multajn el ni.

L. Bastien,
Prezidanto.

---

# Respondo de la protestintoj en Ĝenevo al " Gravaj informoj por la Delegitoj."

Atentiginte la delegitojn de UEA pri la diversaj aspektoj de la decidita transporto de la Centra Oficejo kaj de la sideo de la Asocio al Londono, la protestintoj celis ĉefe, ke la UEA Komitato klare kaj precize informu la esp. publikon. Tio ne okazis ĝis nun. Montrinte detalojn el la budĝeto por 1936, ni citis interalie la *salajrojn*, la *lupagon* kaj la *afrankon*. Jen la rilata teksto el *Informilo pri UEA*, n-ro 1 :

### UEA ne vivas pli malmultekoste en Londono

La Komitato asertas, ke en Londono oni povus labori pli malmultekoste. Sed ĉiu, kiu konas la kondiĉojn en Ĝenevo ridetas pri tiu ĉi aserto. Efektive Svislando estas pli kara lando. Sed tio havas nur malgrandan rilaton al U E A kaj ĝia laboro. La elspezoj de U E A estas divideblaj en du kategorioj : Lokaj kaj Internaciaj.

La lokaj estas la salajroj kaj la lupago. Ambaŭ atingas kune 18.000 frankojn, jare t. e. 15.000 por salajroj de ses personoj, kaj 3.000 Frankoj da lupago. La budĝeto de UEA por 1936 antaŭvidas... Salajroj 970 Funtojn t.e. 14550 frk. sv. La ŝparo do estus 450 frk. Eble la ŝparo simple konsistas en pli malgranda nombro da oficistoj — ankaŭ atingebla en Ĝenevo.

La lupago estas notita por 135 funtoj. Tio estas 2.025 frk. sv. Ŝparo do 975 frk. sv.

La tuta malpli-elspezo por tiuj du postenoj estus do *Frk.* 1375. — La ceteraj elspezoj : **gazeto, jarlibro, afranko, presaĵoj, premioj,** estas internaciaj. Oni povas presigi kie oni volas kaj kie estas plej profite. La afranko estas la sama ĉie. La ceteraj elspezoj : **Propagando, Lingva komitato, vojaĝoj, oficejaj elspezoj, amortizo** ktp. estas samaj aŭ ŝanĝeblaj,

**ne malgrandigante la servojn al la membroj.**

Sed kontraŭ tiu ĉi malpli-elspezo bazita sur nereala grundo, staras fakto multe pli grava :

La Oficejo de U E A en Genève estas luprenita por daŭro de tri jaroj kun kontrakto kiu validas ĝis Aŭgusto 1937. Tio signifas, ke U E A devas kalkuli kompenson pro domaĝo, pagotan al la domposedanto. Tiu ĉi sumo estas taksebla al 4.000 ĝis 5.000 Frankoj svisaj. Estas tute neeble forlui tian loĝejon nuntempe, kvankam ĝi estas malpli kara, ol simile grandaj. Jam estas en la sama konstruaĵo du loĝejoj lueblaj, kaj en Ĝenevo la lueblaj loĝejoj sumas nuntempe je 6.000.

La dua punkto jam aludita estas la forvendo de la inventaro, plejparte mebloj kaj maŝinoj. Estas ja nenia sekreto, ke tiajn meblojn, eĉ bone konservitajn oni povas apenaŭ vendi.

**Tiel aspektas la materia flanko, certe grava, en la vivo de UEA !**

Sed anstataŭ elspezi malpli, oni forvendas je bagatela prezo al brokantisto valorajojn por la Oficejo, pagas lupagon ne uzante la loĝejon. Kaj tion oni nomas — malpli-elspezo. Fakte rezultas plielspezo de 3.000-4.000 frankoj, plus la kostoj de transporto (100 funtoj = 1.500 frk.) kaj malpli gravaj sumoj kune takseblaj je 2.000 frk. La pli-elspezo estas do efektive : 5.000 ĝis 6.000 svisaj Frankoj, videblaj nuntempe sed certe pli altaj.

En Maja numero de *Esperanto*, paĝo 73 aperis sub *Grava informo por la Delegitoj*, kritiko pri tiu sumo de salajroj kaj pri la kosto de afranko. La kritiko iom ironia kredigas al nescianta leganto, ke la protestintoj eble volus erarigi la publikon. Pro tio ni mallonge respondas je la nomita *grava informo*.

1) Ni ne konis la sumon de la salajroj de U E A pagitaj por la jaro 1935. La estraro de U E A publikigu la bilancon, *eĉ se la statuto al tio ne devigas* (I)[1].

2) Ni ne vidis en *Esperanto* ĝis nun la budĝeton por 1936. Pri ĝi estis informita nur la Komitato. La Estraro de UEA ne hezitu publikigi ĝin en la oficiala organo (II).

3) Ni nun respondas al la kritikoj pri la sumoj de salajroj kaj klarigas la bazon de niaj kalkuloj.

*a)* La dungo de *nova* direktoro ŝanĝas iom la elspezon. *Nova* homo ja laŭkutime kaj logike ne ricevas tuj la saman salajron kiel tiu, kiu atingis post kelkjara servado certan altecon de la salajro (III).

*b)* Ni citis ke en 1936 la salajroj estas 970 funtoj. Ne konante precizajn detalojn (dispartigon de tiuj 970 funtoj), ni starigis kalkulon laŭ *nunaj kondiĉoj* en Ĝenevo. Jen ili estas :

| | Monate : |
|---|---|
| Direktoro | 500 — |
| Kasistino | 200 — |
| 1-a oficistino | 175 — |
| 2-a oficistino | 150 — |
| 3-a oficistino | 125 — |

Entute kvin daŭre laborantaj personoj kun 1.150.— frk. da salajro monate.

Tio estus la *nunaj* salajroj kun *nova* oficejestro (Antaŭe oni pagis al la Direktoro 700 fsv. monate).

*c)* La sumo monata estus do 1.150, por la tuta jaro do 13.800. Al tiu ĉi sumo ni aldonis diferencon por monatoj novembro, decembro 1935, januaro kaj februaro — 4 foje 200 do 800 fsv., nome por la salajro de la estinta direktoro. Kaj plie — por esti tute larĝa — pliajn 400 por helpoficisto. Kunigu : 13.800 plus 800 plus 400 donas 15.000 frk. pagataj al 5 daŭraj kaj unu helpoficisto, sekve ses personoj.

*d)* La Budĝeto de U E A por 1936 (misterajo) citas 970 funtojn por salajroj. Tio estas 14.550 Frk.

Intence ni ne adiciis sumon de 50 funtoj sterlingaj, do 750 fsv. por salajroj duoblaj (En Ĝenevo dum la transira epoko). Nia demando estas nun : *Kie troviĝas la ŝparo el salajroj pro la translokiĝo al Londono ?* (IV)

*e)* Nenion ni diris pri la jaro 1935. Sekve la aserto pri ŝparo en 1936 kontraŭ 1935 de fsv. 2.750 estas minimume malĝusta vidpunkto de la afabla kritikinto.

4) Ni asertis, ke la afranko estas *ĉie* la sama. Necesas precizigi ion. La *afranko* kiun havas U E A dividiĝas en tri klasoj :

1. Gazeto-Jarlibro : 2. Teritoriaj Oficejoj. 3. Centra Oficejo

*a)* La unua estas kalkulata kun la du objektoj kaj dependas de la presloko. La dua estas ne influebla. La tria estas do la grava. La budĝeto por 1936 fiksas la sumon de 120 funtoj aŭ 1800 frk. por afranko 2 kaj 3. Suposante ke la afranko kiun elspezas la ĉefdelegitoj formas 1/6, do 300 frk., tiam la resto estus 1.500 frk. Tio estus la afranko de la Centra Oficejo.

*b)* Tiu ĉi sumo dividiĝas en du partoj. La unua estas la sumo kiun oni elspezis en Ĝenevo, la alia tiu por Londono. Sekve : 1.500 dividita per du donas 750. La alia sumo 750 formas logike 60 % ĉar la afranko en Britujo estas 40 % pli malalta. Sekve la videbla ŝparo estus 500 frk. (750 : 60 = 21.50 × 100 = 1.250 ; 1.250 — 750 = 500).

*c)* Konkludante ni devas diri, ke la ebla ŝparo en la afranko estas nur malgranda, ĉar du gravaj eroj en tiu ĉi elspezo estas ŝanĝeblaj ankaŭ en Ĝenevo. Cetere por resti en la kadro reala : La afranko formas en la U E A budĝeto apenaŭ 3 %. Do ĝia malaltigo neniel influas tiom kion oni kredigas. Ekzistas cetere praktikaj aranĝoj por ŝpari ankaŭ en tiu ĉi detalo, ne forlasante la nunan sidlokon (V).

Jen kion ni respondas al la bonvola kritiko pri niaj citaĵoj. Sed ni nun demandas, pro kio la proponita budĝeto de 1936, ne montras malpli altan sumon ol oni elspezis en jaro 1935. Malgraŭ tio, ke la estraro asertas ke en Londono oni elspezas multe malpli.

KONKRETE : La elspezoj en 1935 atingis laŭ informo aperinta en la januara numero de *Esperanto* 41.000 frankojn. La proponita budĝeto por 1936 fiksas 2.750 funtojn por elspezoj, tio estas ekzakte 41.250 frk (VI).

Mankas en tiu ĉi budĝeto aro da detaloj pri kio ni revenos. Kaj estas en ĝi diversaj eroj pri kio ni okaze petos klarigon. Ni miras ke *neniu* el la komitatanoj rimarkis gravan eraron en ĝi. Ni ne intencas kritiki, sed simple ripetas, ke la Komitato de U E A informu la delegitojn kaj la membrojn

*precize, klare kaj korekte.*

En la nomo de la protestintoj :
Paul BOUVIER.

[1] La romaj ciferoj rilatas al la koncernaj punktaj de la " Respondo ".

## Mallonga respondo al la supra artikolo

(I) Kiel jam citite en la Maja numero, la sumo pagita por salajroj en 1935 estis 17.300 sv. frk. por 5 personoj. La bilanco estas montrata en la Jarlibro, kiu aperos post kelkaj tagoj.

(II) Laŭ la Statuto la Estraro starigas budĝeton, kaj laŭ decido farita en la Roma kongreso, montras ĝin al la Komitatanoj.

(III) Tiu dependas de la homo, sed laŭ mia scio, la Direktoro de UEA ĉiam ricevis minimume 650 sv. frk. monate, kaj la lasta Direktoro 700.

(IV) Simple ripetas la eraron faritan en la « Informilo » (vidu la artikolon de la Prezidanto.)

(V) Kompreneble oni povas dividi la elspezojn por afranko tiamaniere, sed se oni presigas la gazeton kaj jarlibron eksterlande por malplialtigi la afrankon por tiuj objektoj, oni tuj altigos la afrankon de la Centra Oficejo, kiu bezonas skribi al la presisto preskaŭ ĉiutage. Ni ripetas, ke la afranko, ĉu por leteroj aŭ presajoj, estas en Londono precize la duono de tiu en Svislando.

(IV) Ni neniam pretendis, ke estus ŝparo en 1936, pro la kosto de transporto, kaj fakte la budĝeto tion montras. Sed la protestintoj, kiuj havas ankaŭ tiujn ciferojn, intence nenion diras pri la fakto, ke la budĝeto por normala jaro — kun la nunaj enspezoj — *montras gajnon de* 4.875 *sv. frk.* anstataŭ la ĝisnuna deficito.

C. C. Goldsmith, *Direktoro.*

# PRI NIA UEA EN LONDONO

*Amika letero al la ĉiulandaj kolegoj*

Estimataj kolegoj kaj amikoj !

En la spaco de du tagoj mi ricevis pri UEA peton de voĉdono, subskribitan de tiuj kiuj deziras la translokigon al Londono, kaj peton de deklaro, subskribitan de niaj kolegoj en Svisujo, por restarigi bonordon en la Asocio.

Mi komprenas la tre bonajn intencojn de la lastaj, mi atentis la detalajn informojn de ili dissenditajn kaj, post pripenso, mi decidis laŭte diri al ĉiuj mian opinion.

Antaŭ ĉio mi amas nian Universalan, al kiu, de jaroj mi donas mian senlacan laboron. Mi nepre volas ke ĝi vivu.

La movado, estante internacia, povos havi sian Sidejon ie ajn. La gvidantoj, kiuj konas la medolon de la afero, estas la plej kompetentaj por juĝo. Mi ankaŭ ne rajtas dubi iliajn bonajn intencojn.

La Esperantaj financoj bonfartas en Londono ; kontraŭe, estis en Ĝenevo ke UEA tiel grave malsaniĝis. Plibone spiri do la Londonan aeron, sciante ke niaj zorgoj pasos kaj nia Asocio vivos kaj progresos, ol sufoki, pro troa komprenebla sed nelogika fiereco, nian malgraŭ ĉio unuan internacian organizaĵon.

Svisoj bedaŭras ke UEA translokiĝu eksteren, ili tute pravas. Ankaŭ ni bedaŭras kaj ne estas svisoj. En la nunaj cirkonstancoj, ne estas nia volo kiu decidas, sed la faktoj.

De longe oni krias pri la malfacilaĵoj en kiuj UEA vivas, oni petis eĉ angore helpon kaj tiam niaj svisaj kolegoj ne aperis kun sukcesiga solvo. Hodiaŭ ili rajtas peti la ŝanĝon oficialan de la koncerna parto de la statuto pri sidejŝanĝo, sed ne rajtas malhelpi ke la voĉdonaro alflugu al Londono.

La sidejo ne priokupas min. Mia nostalgio aliras al la tiel belaj artikoloj de Privat, kiujn ni ne plu legis ; al Jarlibro kiu akurate vizitu nin ; al adopto de Heroldo, kiel ĵurnalo de la Asocio ; al paca vivo en Esperantujo.

Ni ne estas tiel multnombraj ke ni povu perdi energiojn kaj tempon en disputoj

Mi vivis jam kelkajn monatojn en Londono kaj mi admiras la anglan karakteron ; se ili akceptis la respondecon de tia grava decido, ili plenumos sian devon. Ni ne bezonas plu. S-roj Liniger, Bouvier, Kürstein k.a. frate kaj samideane flanken metos siajn bondezirojn kaj akceptos la aferon kiel ĝi sinprezentas kaj metos sian tutan energion kaj iniciatemajn bonkvalitojn je la dispono de la movado kiu tre bezonas ilin.

Ĉu mi pravas, ĉu ne ?

Ke s-ro Goldsmith ne malkuraĝu. Li povas esti certa ke la plejmulto estas kun li.

Al ĉiuj, sen escepto, miajn plej korajn salutojn.

Lisboa, 30-5-35.

Saldanha Carreira,

*Ĉefdelegito de UEA en Portugalujo.*




Japanujo. — Partoprenintoj de la XXIII Kongreso de Japanaj Esperantistoj en Nagoja.

# EL LETERO AL UEA

Tokio (Japanujo), en aprilo 1936.

Nun, iu diru al mi que Esperanto ne estas viva lingvo, ke ĝi ankoraŭ havas nenian praktikan utilecon ! Mi mem neniam povus kredi, se mi ne spertus ĝin, ke nia lingvo povus tiel helpi min, plezurigante mian vojaĝon kaj faciligante mian studon. Mi jam priskribis al vi la ĝojon kiun mi sentis ĉiufoje kiam, post trairo de arbaraj montoj aŭ de kamparoj, kies lingvoj mi ne sciis, mi subite alvenis urbon kie, dank'al via benita adresaro, mi trovis samideanon, aŭ eĉ esperantan grupon, kiu ĉesigis mian surdmutecon. Multfoje tio okazis : Lasttempaj okazoj, kiuj plej bone vivas en mia memoro, estis en Kantono, Ĉang ŝa, Hankaŭ, Peiping (en Ĥinujo), Seul (en Koreujo), Ajabe kaj Kameoka (en Japanujo). Iuj povas pensi ke angla lingvo povus tiel bone, eĉ pli bone plenumi tiun utilon, ĉar multe pli da homoj povas paroli angle ol esperante. Sed mi ja scias la anglan lingvon, kaj ofte uzas ĝin, kaj mi povas tute vere certigi ke ĝi ne helpis min kiel esperanto. Kial do ? — Simple ĉi tial : Unue, adresaro de angleparolantaj personoj en diversaj lokoj ne ekzistas,kaj eĉ se oni trovas la adreson de tia persono, aŭ grupo da personoj, oni tute ne povas viziti ilin kaj babili pri la lokaj interesaĵoj pri kiu oni deziras klarigojn ! Ĉiuokaze, mi ne kuraĝus fari tion ; ĉar mi tre timas ke la persono vizitata dirus al mi «Very sorry, but I have an appointment[1]». Li, pli ol verŝajne, estas « a business man[2]» aŭ « an official[3]» kaj ne povas malŝpari sian tempon. Tion mi ja okaze spertis. Sed mi iru, nun, al esperantisto, kaj kvankam lia naskiĝloko eble kuŝas ĉe la antipodo de mia, kvankam li estis edukata meze de principoj kaj kutimoj malsimilaj al tiuj, kiuj influis mian infanecon, spite tiun, mi trovos en li veran fraton, kiu ricevos min tutkore, kaj estos preta helpi min ĉiel eble. Nemensoge, mi eĉ povas konfesi ke mi sentos lin pli proksima al mi ol miajn naturajn familianojn, ĉar mi povas fidi ke li jam liberiĝis de multaj kripligaj antaŭjuĝoj kiel ŝovinismo, k.t.p., kaj nutras altajn idealojn. Pro tio mi ofte pensas ke, se post dudek kvin jaroj de vagado, la tuta mondo nun iĝis mia patrujo, la esperantistaro, kies disajn anojn mi trovas tra la tuta mondo estas speciale mia familio, ĉar tie mi ne nur *pensas* min, sed ankaŭ tuj *sentas* min hejme : neniu prezento estas necesa. Mi ne volas plilongigi ĉi tiun leteron nenecese, sed permesu ke mi donu tri ekzemplojn el miaj spertoj :

1º En Peiping. Ĉe mia alveno, mi ne povis trovi ĉambron, krom en europana hotelo, kaj ĝi estis sufiĉe multekosta kaj neinteresa por decidigi min pasigi tie nur kelkajn tagojn, kaj forlasi la urbon. Sed unue mi decidis viziti nian delegiton (kies nomo mi bedaŭrinde forgesis). Li tuj kondukis min al nia juna samideano Jang. La bonveno, kiun mi ricevis, decidigis min malkaŝi miajn bezonojn kaj dezirojn, kaj tuj s-ro Jang, kiu loĝas en Ĥina hoteleto, parolinte kun sia loĝejestro, havigis al mi malkaran ĉambron apud sia. La hoteleto estis ĉarme lokita apud la lotuskovritaj akvoj, kiuj ĉirkaŭas la malnovan imperiestran palacaron, kaj en ĝi mi rapide amikiĝis kun ĝoja kaj simpatia grupo de studentoj. Rezulte : mi restis kvin semajnojn por mi tre utilajn ĉar ĉiutage s-ro Jang donis al mi sian helpon, kaj ankaŭ montris al mi vidindaĵojn en la urbo.

2º Kameoka (Japanujo), estas granda vilaĝo en bela natura ĉirkaŭaĵo de montoj. Tie mi trovis tutan grupon de esperantistoj en la Sidejo de Oomoto. Tie ekzistas granda presejo kaj eldoniĝas libroj, ĵurnalo, kaj revuo en esperanto. Ankaŭ tie mi ricevis tian bonvenon ke mi decidis halti kaj ripozi tutan semajnon en tiu bela loko, inter bonkoraj idealuloj. Tio ankaŭ ebligis al mi promenadi tra la bela japana kamparo. Kaj konatiĝi kun interesaj detaloj de la kamparana vivo.

3º En Tokio, la afablaj anoj de la Japana Esperanto Instituto tre sindone metis sin je mia dispono kaj faris al mi grandajn servojn, klarigante miajn malfacilaĵojn, ricevante kaj readresante mian leteraron, prezentante min al privata biblioteko, kaj antaŭ ĉio, konatigante min kun tre simpatia, sindonema, kaj klero etnologisto de la Luĉa insularo, s-ro Higa, kiu regalis min per trezoro da informoj pri sia naskiĝa insulo, Okinaŭa. Li, plue, vizitigis min al etnografia muzeo kaj privata kolekto, skribis al nia samideano Ren por ke li sendu al mi etnografian materialon pri iu tribo sur Formozo, konatigis min kun aliaj amikoj, altidealuloj kaj lertaj esperantistoj ; kaj tial, la 7 monatoj kiujn mi pasigis en Tokio restos agrablaj memoraĵoj, kaj mi foriris malĝoje.

La ekflorado de la Esperanta movado en tiu ĉi parto de la mondo estas mirinda. Esperantaj libroj estas ĉie aĉeteblaj. Mi vizitas esperantan kurson kaj trovas grandan ĉambron plena da homoj. Mi ĝojas, kaj tiam mi sciiĝas, ke tio estas *nur* la ĥinaj studentoj (loĝantaj en Tokio) ! Alifoje kunvenas kelkaj centoj da esperantistoj : ili estas *nur* la fervojistoj (Ĉe mia alveno en Tokio, mi ricevis luksan kaj bele ilustritan propagandilon por turismo en Japanujo, eldonita, en esperanto, de la Ministrejo de Japana Ŝtatfervojo).

Se miaj poŝtkartoj de Afriko kaj de Hindujo estis iom malkuraĝigaj koncerne la kreskon de Esperantismo, la kialo estas facile trovebla en la mizera ekonomia kondiĉo de tiuj popoloj, por kiuj ĉiu centimo estas ŝparenda. Sed tie-ĉi, mi retrovis la pruvon ke la scio de la internacia lingvo fariĝos nepra necesa post nelonge, kaj tiel ĉesos la martirigo de fremdlingvo-studantoj.

Baldaŭ mi intencas rondiri Japanujon kaj vizitos aliajn el niaj disaj « familianoj ». Poste, mi eble travojaĝos Koreujon, Manĉukon, Mongolujon, Siberion, Persujon, Irakon, Palestinon, Sirion, Turkujon, — t.e. la Aziajn landojn, kiujn mi ankoraŭ ne vizitis.

G. Marin.

[1] Mi tre bedaŭras, sed mi havas rendevuon.
[2] Komerculo.
[3] Oficisto.

## INFANAĴO

« Panjo, la ŝafoj ja ne manĝas malgrandajn infanojn, ĉu ne ? » — demandas grandokula eta ĉarmulo, kun malfido rigardante al la rostita kotleto, fumanta sur lia telero.

— Certe ne, karulo.

« Do ! — kaj la verdaj okuletoj flambrilis kaj la maneto kolere forpuŝis la teleron — do pro kio la malgrandaj infanoj manĝu la ŝafojn ? »

Kaj la juna justulo deklaras al la konsternita patrino, tremante pro indigno :

« Ĉi tiun kotleton mi ne tuŝos. Donu al mi kotleton de tigro — mi ĝin manĝos ! La tigroj estas malicaj, ili manĝas la malgrandajn infanojn. Pro kio oni manĝas tiujn, kiuj estas bonaj, kaj oni ne manĝas tiujn, kiuj estas malbonaj ? ».

Vere — pro kio ?

*Laŭ franca teksto* M. M.

# Finlando. — Lando de lagoj kaj helaj noktoj

Suomi (svede Finlando) apartenas al la plej modernaj landoj de la mondo. Elektra lumigado troviĝas en ĉiu kampara komunumo, same telefona kaj telegrafa retoj. La lernejoj, malsanulejoj kaj sanatorioj estas modelkonstruajoj. La kluzo de Mälkiä en la kanalo de Saimaa estas unu el la plej grandaj kanalkluzoj de Eŭropo.

La forto de la akvofaloj en Suomi estas taksata je 2,600,000 ĉevalpovoj.

Nia lando povas ankaŭ fieri pri la posedo de la sola en la mondo ĉefvojo al la arkta maro. La vojo estas projektita por motorkomunikado kaj estas konata per la nomo « Granda Ŝoseo al Arktiko ». Ĝi transiras la Nordan cirklon.



Punkaharju.

Suomi posedas je ĉiu loĝanto pli da fervojoj ol aliaj eŭropaj landoj (krom Svedlando).

Le prezoj de la fervojaj biletoj estas plej malmultekostaj en Suomi. Veturo de mil mejloj kostas nur 260 mk., do ĉirkaŭ 23 ŝilingoj en la III klaso, en la II klaso 50% alpago.

Suomi estas nuntempe unu el la plej malkaraj landoj. Ekz. : unu ĉambro por loĝado en unuaklasa hotelo kostas 3 ŝilingojn por tagnokto. Bonaj iom pli modestaj estas riceveblaj eĉ pli malkare. Dormĉambron kun privata banĉambro oni ricevas por 6 ŝilingoj.

Se ni konsideros la grandecon de nacioj, Suomi estas la unua sportista lando de la mondo. Oni komparu nombron de la Olimpiadaj sportrekorodj kun la grandeco de la popolo, por certiĝi pri tio.

Suomi havas je loĝanto plej multe da arbaro en Eŭropo. El la tuta areo de Suomi, 73,4% estas kovrita de arbaro. Suomi eksportas pli multe da ligno ol iu ajn alia lando en Eŭropo, ne kalkulante Ruslandon. Plej multe da furniro



Päijanne — Unu el grandaj lagoj.

(lignolameno) en la tuta mondo eksportas Suomi. En la jaro 1933 oni eksportis 90,000 tunojn. Ĉirkaŭ 80% de la internacia merkato de lignaj bobenoj por fadenfabrikoj estas liverataj de Suomi.

Suomi havas 3,700,000 da loĝantoj el kiuj ĉ. 9% estas svedlingvaj, kiuj tamen havas egalajn klerecajn rajtojn kiel la finnlingvanoj.

Kio plej multe interesas la eksterlandan turiston, estas niaj lagoj, el kiuj pli ol 60,000 estas notitaj sur la landkarto, sed krome ekzistas ankoraŭ multaj malgrandaj lagetoj. La plej granda lago estas Lattokka, kiun Suomi dividas kun Rusujo.

Tre interesaj kaj pitoreskaj estas la ŝipekskursoj de lago al lago tra mallarĝaj lagoŝoseoj. Dum somero mirigas la



Stacidomo en Helsinki.

eksterlandan turiston, speciale la sudlandanon, la longaj krepuskiĝoj kaj la helaj noktoj.

Por la oportuneco de la turistoj zorgas Suomen Matkailijayhdistys (finna turista unuiĝo) pri aro da vojaĝistaj hejmoj. Dum la somera sezono en ĉitiuj servas ĉefe finnaj studentinoj. Grandaj aroj da eksterlandanoj alportas tiel por ili la eblecon perfektiĝi en fremdaj lingvoj.

Vojaĝu malkare, ĝuu multe, vojaĝu en Suomi !

L.

# Junulgastejoj kaj Esperanto

Sur iu propaganda folio de la junulgastejoj mi vidis du bildojn. Unu prezentis kelkajn junulojn, sidantajn en ĉambro, ĉirkaŭ tablo, kaj absorbitajn per pasiiga kartludo. La alia montris scenon en junula tendo-vivo ; unu disblovas fajron, alia alportas akvon. Sub tiuj ĉi bildoj estis demando : Kio estas pli bona ? Kaj ŝajnas, ke neniu sane pensanta homo povus eĉ dum unu momento heziti pri la respondo...

Estas multaj kialoj, pro kiuj la ideo pri la junulgastejoj estas tiel bona, tiel subteninda. Mi ne citos ĉiujn... vi ja konas ilin. Nur unu punkton mi volas akcenti. La junulgastejoj donas al la junuloj la okazon de renkontiĝo, interkonatiĝo, amikiĝo. Ili kreas amikecon, kaj tio ĉi estas altega merito, ĉar la amikecon ĉiu bezonas, kaj tiel malmulte da ĝi estas en la mondo.

Kiam la suno varmigas la teron, kiam venas la feliĉa momento, ke vi povas lasi malantaŭ vi la murojn de oficejoj, fabrikoj, lernejoj — de malproksime malfermas sin antaŭ vi la pordoj de la junulgastejoj. Ili invitas vin pasigi iom da tempo en la naturo, meze de kamaradoj — ĉu vi rifuzos la inviton ? La gastejestrino jam atendas vin.

Sed kial vi limigas viajn paŝojn ? La mondo ja estas vasta, kaj ne nur en via propra lando gasteme atendas la junulgastejoj. Se vi ne povas aĉeti triaklasan fervojbileton, iru bicikle, iru eĉ piede — vi ja estas junaj ! Transpasu la limon, vidu, kiel vivas viaj samaĝuloj en alia lando, iru premi iliajn manojn — vi ja kune devos iam konstrui novan mondon, vi, junaj.

Vi hezitas ? Kial ? Ho, jes, vi ankaŭ aŭdis pri la beleco de tiuj landoj trans la limo, sed vi sentas kvazaŭ glacian bloveton, kiam vi pensas, ke tie fremda lingvo sonos ĉirkaŭ vi, ke vi ne komprenos nek estos komprenata, ke atendas vin tie la sento de fremdeco. Vi vidos, kiel ĉirkaŭ vi aliaj amike babilas, sed vi ne partoprenos iliajn ĝojojn kaj amuzojn. Ĉiumomente vi suspektos ke estas pro vi, ke ili ridas, ke estas kontraŭ vi ke ili flustras, kaj anstataŭ amikeco, eble ĵaluzo, malfido, kaj malamo kreskos en viaj koroj. Kaj kun tiu rikolto vi neniam estos taŭgaj por konstrui pli feliĉan mondon.

Tiuj, kiujn la ekspresaj vagonaroj portas en la plej famajn eksterlandajn restadejojn, tiuj, kiujn atendas la grandaj hoteloj, havas al sia servo la tradukistojn de tiuj hoteloj, la tradukistojn de turismaj oficejoj — kaj eĉ malgraŭ tio multaj malagrable spertas la ĝenon de la lingva diverseco. Vin neniuj tradukistoj atendas. Vi mem devas rompi la murojn de la lingvaj diferencoj, aŭ resti malliberigitaj interne de ili, kiel birdoj en kaĝoj.

La hakilo jam kuŝas ĉe la muro, preta al ekbato. Tiu hakilo estas la internacia lingvo ESPERANTO, tiel simpla, tiel facila, tiel bela !

Kaptu tiun hakilon en viajn junajn, fortajn manojn ! Batu per ĝi la murojn, kiuj apartigas vin de la mondo, por ke larĝiĝu via horizonto, por ke vi vidu la tutan grandan, majestan belecon de tiu ĉi mondo, por ke en ĉiu junulgastejo, en ĉiu lando, vi trovu ne fremdulojn, sed amikojn.

Junulgastejoj, via estonteco estas — ESPERANTO !

Lidja ZAMENHOF.

(« La Juna Vivo »)

SERGEJ JESENIN

# *Letero al la Patrino*

*Ĉu bonfartas vi, patrino kara ?*
*Vivas mi. Saluton, patrinet' !*
*Super via kabanet' kampara*
*Briliu lum' vespera en kviet'.*
*Oni skribas, ke vi maltrankvilas,*
*Ke pri mi sopiras via kor',*
*Ke vi en paltet' malnova iras*
*Sur la vojon en vespera hor'.*
*Kaj al vi en la krepusko blua*
*Jena bildo prezentadas sin*
*Kvazaŭ iu en drinkejo brua*
*Per tranĉilo finna vundis min,*
*Ho, vi trankviliĝu, mia bona !*
*Estas nur deliro via tim',*
*Ja ne estas tia mi fripono*
*Ke mi mortu ne vidinte vin.*
*Mi ja restis same amoplena,*
*Revas nur pri tio en sekret,'*
*Ke reveni igu la ĉagreno*
*Baldaŭ min al nia kabanet'.*
*Mi revenos kiam en ĝardeno*
*Blanke floros arboj dum printemp'.*
*Sed ne voku min dum frumateno*
*Kiel iam dum antaŭa temp'.*
*Vi ne veku miajn disreviĝojn,*
*Lasu ĉion, kio pasis for, —*
*En tro juna aĝo ĉian malfeliĉon*
*Devis sperti mia laca kor'.*
*Ankaŭ preĝi ne instruu min. Ja, vane !*
*Al malnov' ne rekondukos voj'.*
*Vi nur helpos min per via amo,*
*Vi nur estas mia sola ĝoj. !*
*Do forgesu vian maltrankvilon,*
*Tro ne sopiradu via kor'.*
*En paltet' malnova vi ne iru*
*Sur la vojon en vespera hor'.*

Tradukis el rusa lingvo :

Hilda DRESEN.

(« Pola Esperantisto »).

## La plej multelingva korespondado

La Internacia Labor-Oficejo de la Ligo de Nacioj en 1935 ricevis 32.091 kaj forsendis 27.775 leterojn. Okdek landoj partoprenis ĉi tiun interkorespondadon, por kiu estis uzataj la lingvoj : albana, angla, araba, bulgara, dana, ĉeĥa, finlanda, franca, germana, greka, hispana, hungara, itala, irana (persa), japana, nederlanda, norvega, pola, portugala, rumana, rusa, sveda, serba, turka kaj... *Esperanto*.







*Protektoro:* Federacia Prezidanto de Aŭstrio.

*Kongresejo:* La salonegoj de iama imperiestra kastelo en Wien, Neue Burg.

*Adreso:* Esperanto, Wien, Hofburg.

*Kongres-kotizoj:*

*Favorkotizoj, validaj ĝis 15 de julio:*

I. Kongresano sv. fr. 25.50. — II. Familiano de kongresano sv. fr. 16.—. — III. Gejunuloj malpli ol 18-jaraj sv. fr. 10.80.

Kotizoj post 15 de julio : I sv. fr. 28.50, II. 17.75, III. 12.—.

Atentu, ke *ni sanĝis la rabatitan anonc-daton ĝis 15 de julio* ! *Eluzu la tempon* !

Bonvolu bone atenti la kotizojn kaj pripensi, ke ili devos nete alveni en nian kason !

La koncernaj prezoj *en aŭstriaj ŝilingoj* estas ĝis 15 de julio : I. $ 44.80, II. 28.20, III. 19.—.

Post 15 de julio : I. 49.90, II. 31.10, III. 22.75.

La prezoj estas transkalkulitaj je aŭstriaj ŝilingoj por tiuj, kiuj deziras *pagi en ŝilingoj.*

*Novaj fakaj kunsidoj:*

*Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj* (ILEPTO) : aranĝas d-ro E. Spielmann, Bern, Gesellschaftsstr. 39. Okazos merkrede, la 12 aŭg., je la 16 h.

*Poŝtmark-kolektantoj:* Adr. : Int. Esp.-Muzeo en Wien. Merkrede, la 12. aŭg., je la 10 h.

« *Teknokratio kaj etiko* », aranĝas Felix Frankl, Wien IV. Belvederegasse 9.

*Skoltoj.* Adresu al LKK de 28a.

*Plivastigo de nia Somera Universitato.*

La Loka Kongresa Komitato ricevis de kelkaj kompetentaj flankoj la bone motivitan sugeston, *vastigi la kadron de nia Somera Universitato limigita* unue sole al pritrakto de ekonomiaj kaj kulturaj problemoj de Mez-Eŭropo, por doni al niaj eminentaj reprezentantoj la okazon, paroli en la Somera Universitato ĉu *en la intereso de ilia propra lando,* ĉu pri ia *problemo de nia lingvo kaj movado mem.*

La loka Kongresa Komitato *akceptis tiun sugeston* kaj atendas la anoncon de tiaj paroladoj.

Rumana E-Societo informas nin, ke *univ. prof. d-ro Grigore L. Trancu Iasi* eksministro, parolos en Somera Universitato.

Sinjoro *Kiyoshi Ikegawa,* iama prezidanto de E-Ligo de universitataj studentoj en Tokyo, delegito de urbo Osaka al la 3-a Internacia Kongreso de Socia Porzorgado (Social Work) en Londono, parolos en la Somera Universtiato pri : Institucioj por socia helpado kaj plibonigo de sociaj rilatoj en Japanlando.

*Protestanta Diservo.* Pastro J. Henri *Ledeboer,* Amsterdam, Nederlando, transprenis la oficon, celebri la protestantan Diservon en Wien, dimanĉe, la 9an de aŭgusto, je la 10. 30 h kaj fari la Esperantan predikon.

*La Aŭstriaj poŝtkartoj jam tre baldaŭ aperos* !

La Aŭstria poŝto informis LKK, ke ĝi jam fine de tiu ĉi monato aperigos la deciditajn 50 vidajkartojn kun la priskriba teksto en la lingvoj germana, angla, franca kaj Esperanto kun enpresita poŝtmarko je 35 groŝoj, la afranko por la eksterlando.

*Teknokratio kaj Etiko.*

La ampleksa programo de la 28a Universala Esperanto-Kongreso en Vieno ankoraŭ riĉiĝas per kunsido pri « Teknokratio kaj Etiko », iniciatata de la Viena societo « *Ĝenerala Nutrodevo* », kies tasko estas diskonigi la ideojn de la unua pioniro de l'moderna teknokratio kaj samtempe eminenta etikulo kaj filozofo *Jozef Popper-Lynkeus* (1838-1921), kiu vivis, verkis kaj mortis en Vieno.

Kiel konate, la teknokratoj pruvis, ke jam la nuna tekniko kapablas ebligi la ekonomian certigon de la vivo de ĉiu homa individuo kaj ke la evoluo de la mastrumado de ĉiuj nacioj nepre devas realigi la sociajn reform-proponojn de la teknokratoj. — La teknokratio volas per disvolvo de ĉiuj produktivaj fortoj de l'hodiaŭa tekniko kaj pli racia distribuado de la tie akiritaj produktoj forigi por la tuta homaro la kruelan fantomon de la konstante revenantaj krizoj ekonomiaj.

---

Ni varbu por la Kongreso ankaŭ inter la *ne-esperantistoj,* por ke ankaŭ ili partoprenu kaj estu varbataj por nia movado !

Uzu por propagando niajn belajn kongresajn glumarkojn : 50 en 5 diversaj koloroj por 1 respond-kupono.

Uzu la kongresajn mur-afiŝojn kaj fiksigu ilin en Via klubo, prelegejo, vojaĝ-oficejo ktp. ! — 2 ekzempleroj 1 respkup.

---

*Novaj gvidlibroj kaj gvidfolioj pri Aŭstrio:*

Oesterr. Verkehrswerbung (Varb-oficejo de Ministerio por Komerco kaj Trafiko) jus eldonis gvidilon en Esp. sub la titolo « *Aŭstrio* », bele presitan kun multaj bildoj sur 32 paĝoj. Geografia karto aldonita.

« *Al Vieno dum ĉiuj sezonoj* » nomiĝas nova, 16-paĝa, riĉe ilustrita faldgvidilo pri Wien, eldonita de « Fremdenverkehrsstelle (Fremdul-Oficejo) der Stadt Wien ». Ĝi enhavas amason da aktualaj informoj.



*Prunteprenita de Pan-Europo.*

NOVA IMPERIESTRA KASTELO EN WIEN, KIE OKAZOS LA KONGRESO.

*Programo por la Aŭstria Brucknerfesto* (Linz, St. Florian, Steyr; de la 18a ĝis la 22a de julio 1936). 12-paĝa faldprospekto pri Supra Aŭstrio. Eldonita de Oberösterreichisches Landesverkehrsamt, Linz.

*Karintio.* Pro tiu montara kaj turisme tiom alloga federacia lando de Aŭstrio aperis tre artisme eldonita 16-paĝa faldprospekto kun agordoplenaj bildoj kaj belega kolora orografia karto de Karintiaj pejzaĝoj. Eldonis « Landesamt für Fremdenverkehr » in Kärnten. Klagenfurt.

*Klagenfurt.* Ankaŭ la ĉefurbo de Karintio, Klagenfurt, aperigis specialan esp-an prospekton 8-paĝan kun ĉio sciinda pri si kaj la Wörthersee (Lago de Wörth), apud kiu ĝi kuŝas. Eldonis : Städtisches Fremdenverkehrsbüro, Klagenfurt, Rathaŭs.

---

La tutan kolekton da gvidiloj ni sendas kontraŭ 1 resp.-kup.

---

VIZITU VIENON ! KORAN BONVENON !

LKK de 28-a.

# PRI LA "BLANKA ĈEVALETO"

La teatraĵo de la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien estas la fama aŭstria opereto « *La blanka ĉevaleto* », konata kiel sonanta filmo ankaŭ eksterlande. Ĝi distingiĝas per sia tipe aŭstria humoro kaj serena gajeco. Ĝiaj kantoj estas tre melodiaj kaj parolantaj al la homa sentimento. La muzikan parton komponis Ralf Benatzky, la teksto estas de Hans Miller, kantoj de Robert Tillberg, esperanta traduko de redaktoro Nikolao Hovorka. La loko de agado estas fama gastejo « La blanka ĉevaleto » en St. Wolfgang en Supra Aŭstrio : ĝi estos vizitata de la kongresanoj partoprenontaj en la kongresa vojaĝo « Tra Aŭstrio ».

Jen ĝia enhavo : La riĉa Berlina fabrikanto Wilhelm Giesecke, facile impulsebla kaj koleriĝema viro, ĵus travivis ekscitoplenajn monatojn. Li produktis amase novaĵon sur la kampo de trikotaĵoj, nome aĵuran, suntralasan ĉemizkalsoneton el unu peco, antaŭflanke butonumeblan ; kaj subite li sciiĝas je sia plej granda teruro, ke lia plej malica konkuranto, la maljuna Sülzheimer ĵetas, kontraŭpatenton sur la merkaton : ĉemizkalsoneton same el unu peco, same aĵuran, sed malantaŭe butonumeblan ! Antaŭe aŭ malantaŭe, jen la demando ! Tiu ĉi fakto kaŭzas en konsekvenco procesojn pro ofendo de l'patento inter la ambaŭ firmoj, provizorajn disponojn de l'juĝejo, kiel ekzemple sekvestradon de l'fabrikita varo kaj aliajn similajn malmulte agrablan sekvojn. Tiel okazis, ke Giesecke urĝe nun bezonas refreŝigon por trostreĉitaj nervoj. Tion pensas ankaŭ Ottilie, lia ĉarma filineto. La ideon, ke Giesecke devas forveturi, sugestis advokato d-ro Siedler. Li estas la advokato de l'kontraŭa partio kaj konas Ottilie de balo dum la pasinta vintro. D-ro Siedler kun plezuro volus ordigi la aferon inter la patro de Ottilie kaj sia komisiinto Sülzheimer — ne pro tute altruistaj motivoj, ĉar li estas forte enamiĝinta je Ottilie. Dume tamen kredas ankaŭ sinjorino Jozefa Voglhuberr, la ĉarma kaj absoluta mastrino de l'Blanka ĉevaleto " en St. Wolfang, ke ŝia longjara kutima somergasto D-ro Siedler estas forte altirata de ŝia persono. Ŝi atendas lin jam kun granda sopiro, je forta ĉagreno de ŝia ĉefkelnero Leopold, kiu ŝin arde adoras kaj esperas, foje fariĝi posteulo de la mortinta mastro de l'« Blanka ĉevaleto ». Sed sinjorino Jozefa, firme konvinkita, ke d-ro Siedler estas je ŝi enamiĝinta, volas nenion scii pri la amo de sia ĉefkelnero, kaj kiam li, malgraŭ ŝia averto foje ekkuraĝas, konfesi al ŝi sian korinklinon, ŝi faras mallongan proceson kaj eksigas Leopoldon.

La feria sezono en St. Wolfgang atingis dume sian zeniton, estas konstante treege multe por fari, kaj la sperta, servema kaj moviĝema Leopold mankas en ĉiu angulo kaj anguleto. Ankoraŭ pli malbona fariĝas la situacio, kiam subite alve-

nas la telegrafa sciigo : Imperiestro Francisko Jozefo alvenas, por ĉeesti la pafistan feston en St. Wolfgang ! La mastrino de « Ĉevaleto » estas konsternita kaj petas Leopoldon, ke li denove venu. Leopold venas, sed li faras kondiĉojn. Kiel unuan, tion, ke lia rivalo, d-ro Siedler, elloĝiĝu el la « Blanka ĉevaleto ». — Kio restas nun al la mastrino de « Ĉevaleto » — vole-ne-vole devas sinjorino Jozefa konsenti kaj rigardi, kiel ŝia favorato, la advokato elloĝiĝas.

La konfuzoj kaj implikoj plialtiĝas plue en vico da ĉarmaj kaj streĉaj epizodoj, ĝis fine ĉio solviĝas kaj finiĝas je ĝenerala kontento : Sülzheimer kaj Giesecke interkonsentas, d-ro Siedler ricevas sian adoratan Ottilie, kaj kiam Leopold, post la forveturo de l'imperiestro, postulas sian ateston pri servado, ŝi skribas ĝin al li jene : « Eksigita kiel ĉefkelnero, akceptita por la tuta vivo kiel edzo ». Kaj tiel por ĉiuj partoprenintoj alvenas la feliĉo.

Ni estas certaj, ke tiu ĉarma opereto kun multaj amuzegajigaj epizodoj kaj melodiaj kantoj rikoltos grandan laŭdon kaj aplaŭdon de l'tuta kongresanaro. — Venu kaj amuziĝu !

## Germana Esperanto-Asocio (GEA)

La 25a jarĉefkunveno de GEA okazis je pentekosto en Weimar. Ĝi bone sukcesis sub la celcerta gvido de s-ro Walther kaj multe impresis la partoprenintojn.

Kaŭze de la ordono de la anstataŭanto de la « Führer », kiu malpermesas al la anoj de la NSDAP esti membroj de GEA, multaj timis, ke la kongreso alportus la finon de GEA. Ili tamen eraris. Ĉiuj demandoj solviĝis tre bone — ĉiuj ĉeestintoj decidis *unuvoĉe* la daŭrigon de GEA. S-ro Walther, ricevinte de la NSDAP la permeson gvidi la asociaferojn ĝis la elekto de nova asocia gvidanto, metis sian oficon en la manojn de la nove elektita asocia gvidanto, la ĝisnuna afergvidanto, s-ro Fritz Thieme (Dresden). La kunvenintaro dankis varme al la adiaŭanta s-ro Walther kaj ties edzino kaj vigla kunlaborintino kaj promesis pruvi tiun dankon ankaŭ per subteno de lia posteulo per la sama fideleco.

Pro eksterordinare grava kunlaboro en la gvidado de la Asocio s-ro Dr. phil Fritz Kraner estis honorita per la arĝenta honorpinglo de la Asocio.

Sub ĝojiga aplaŭdo s-ro Thieme, laŭ la spontana deziro de la kunvenintaro, honoris per la sama distingo s-ron Walther kaj ties edzinon por ilia oferema agado.

Kiel venontjara kongres-urbo estis difinita Berlin. S-ro Deka (Berlin) transprenis la taskon fari la preparlaborojn por la 26-a germana Esperanto-kongreso okazonta je Pentekosto 1937. Li jam ricevis 26 partoprenanoncilojn.

Th.

## Propagando per Esperanto

La Unuiĝo por fremdultrafiko en Nederlando (A.N.V.V.) eldonis en Esperanto tre belan broŝuron pri Nederlando, ĝia arto, ĝiaj urboj, akvoj kaj vojoj. La Unuiĝo organizis konkurson kun tri premioj por personoj, kiuj sukcesos aperigi en nacilingvaj gazetoj tradukojn de partoj de la broŝuro. La broŝuro estas senpage ricevebla de A.N.V.V., Esperanta Fako, Lange Voorhout 102, 's Gravenhage, Nederlando.

## Statistiko pri la kreskado de SEU

Laŭ « Sur Posteno », la Sovetrespublikara Esperanto-Unio havis membrojn :

| | esp-toj | junaj esp-toj | Amikoj de peresp koresp. | Entute |
|---|---|---|---|---|
| En 1933 ......... | 2.824 | — | — | 4.000 |
| » 1934 ......... | 3.772 | 1.577 | 3.759 | 9.108 |
| » 1935 ......... | 5.111 | 3.172 | 5.954 | 14.237 |

Ni gratulas SEU pri la rapida antaŭenmarŝo. Mirigas nin tamen, ke la numero 1-2 de « Sur Posteno » de la nuna jaro, kie estas publikigita la statistiko, aperis nur en 2.500 ekz.

## Premioj por la Stenografa Konkurso

La Juĝantaro de la konkurso organizita de Stenografa Instituto Tutmonda (kies regularo aperis en la stenografa gazeto *Fluganta Skribilo*, 9 Boul. Voltaire, Issy, Seine, Francujo), estos prezidata de s-ro Generalo Bastien, prezidanto de U.E.A. Li estos helpata en tiu funkcio de s-ro Archdeacon, prezidanto de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, kaj de s-ro Navarre, prezidanto de la Stenografa Instituto de Francujo kaj Inspektoro de la Teknika Instruado.

Gravaj societoj promesis premiojn, kiujn ricevos la laŭreatoj. Tiuj kuraĝigoj esperigas la organizantojn, ke multaj partoprenos la facilan konkurson, por la profito de Esperanto, kiu ne havas sufiĉe da lertaj stenografiistoj.

## La Kongreso de SAT

De 2-7 aŭgusto 1936 « Sennacieca Asocio Tutmonda » (SAT) okazigos sian 16-an kongreson en *Manchester* (Britujo). Kongreso en tiu ĉi grava industria centro de Anglujo havas plej gravan propagandan signifon. La preparoj disvolviĝas aktive, kaj la kongreso povas kalkuli pri la morala — kaj parte eĉ materia — subteno de la sindikatmovado kaj aliaj laboristaj organizoj. Karavanoj kondukos la partoprenontojn el Nederlando kaj Francujo al la kongresurbo. Eble aliaj karavanoj organiziĝos (Svedujo). Ankaŭ nemembroj de SAT rajtas ĉeesti la kongreson kiel gastoj (kotizo : 5/6 ŝilingoj). Aperis kongres-afiŝo kaj glumarkoj. Adreso de l'Komitato : O.K.K., 16 Lily Street, *Manchester* 8.

B. K.

## ĈIAMAĴOJ

11

Estas pli facile estri aliajn ol sin mem.

12

Ĉiu aĝo havas siajn suferojn, siajn larmojn.

13

Sen malkontento neniu progreso.

14

Ju pli oni bezonas la tempon, despli rapide ĝi pasas.

15

Koro kaj menso estas tro zorge kaŝitaj, por esti ĉiam kaj por ĉiuj alireblaj.

M. M.

# KRONIKO

— La Turistunuiĝo en Kopenhago (Danujo) disponigas al interesitoj kvar lumbildseriojn kun teksto en Esperanto por paroladoj pri Danujo.

— En Haarlem (Nederlando) s-roj Veldt kaj Posthumus, membroj de la urba konsilantaro, proponis, ke Esperanto estu instruata en la komunumaj lernejoj. La propono estas transdonita al la urbestraro por pristudo.

— Docento d-ro Jaime Scolnik regule dissendas pri Esperanto pere de la radio-stacio L. V. 2, ondolongo 340,9 m (Radio Central, San Lorenzo 339, Córdoba, Argentino).

— La UEA-delegito kaj prezidanto de Rosaria Esperanta Asocio, radio-inĝ. Hugo J. Ceretti, dissendas ĉiujaŭde de 18-18, 15 Esperanto-bultenon pere de la radio-stacio L.T.1, Radio de Litoral, Córdoba 1049, Rosario de Santa Fe. Ondolongo 384,6 m.

— Danke al la iniciato de inĝ. R. Nowak la vojaĝoficejo « Kosmos » en Pilsen (Ĉeĥoslovakujo) surpresigis sur la tramaj biletoj propagandan tekston pri Esperanto.

— En la Politeknika Lernejo en Lisboa (Portugalujo) estas malfermita Esperanto-kurso, kiun partoprenas sepdek gestudentoj de diversaj fakultatoj.

— La nederlanda Ministro de Instruado, Artoj kaj Sciencoj denove nomis s-ron J. van Andel, inspektoron de la Gimnazia kaj Meza Instruado, ŝtata Delegito ĉe la ekzamenoj de la Nederlanda Esperanto-Ekzamena Komitato.

— En Francujo la urbestraroj de Houilles, Perpignan, Thiers kaj Liévin decidis doni la nomon « Zamenhof-strato » al unu el la stratoj de tiuj urboj.

— La Poŝtŝparkaso en Lwow (Polujo) enkondukis Esperanton por siaj rilatoj kun eksterlando.

— La ruman-pol-sveda junulara federacio, fondita en Bukaresto je iniciato de la rumana registaro kaj apogita de la pola kaj de la sveda legacioj, akceptis Esperanton kiel unu el siaj oficialaj lingvoj.

— La ĉeĥoslovaka revuo por instruistinoj, « List Riŝského svazu ĉs. Učitelek », enkondukis rubrikon pri la Esperanto-movado : En la Esperanto-mondo. La rubrikon prizorgas samideanino Ŝupiĥova.

— En Estonujo la multe legata gazeto « Esmaspäev » aperigas konstantan angulon pri Esperanto.

— La kultursekcio de la Centra Komitato de la sovetaj sindikatoj rekomendis al la sindikataj unuiĝoj la instruadon kaj disvastigadon de Esperanto inter iliaj membroj.

— 63 stacidomoj de la ĉeĥoslovakaj fervojoj fiksis sur la murojn tabulojn kun teksto en Esperanto. La iniciato estas parto de vasta projekto, celanta la utiligon de Esperanto por la fremdul-varbado.

— La populara estona muzikgazeto « Muusikaleht » aperigis detalan referaton de H. Sakaria pri la artikolo de « Esperanto » pri hispana popolmusiko.

— En Haag (Nederlando) la tramistoj, kiuj sukcese faris la oficialan Esperanto-ekzamenon, ricevis de la tramdirekcio la monpremion, pagatan al konduktoroj sciantaj fremdajn lingvojn.

— La Direkcio de Poŝtoj kaj Telegrafoj en Rio-de-Janeiro (Argentino) eldonis sepcialan kovrilon enhavantan 12 paperfoliojn kaj 12 kovertojn por uzo en aerpoŝta servo. La kovertoj estas superpresitaj de reklamoj en pluraj lingvoj kaj Esperanto.

— Dank'al klopodoj de la prezidanto de « STEP » (Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo), s-ro Wyszynski, la pollanda trafikministerio decidis estonte ĉiujn siajn aperantajn broŝurojn kaj prospektojn eldoni ankaŭ en Esperanto.

— Dum la jaro 1935 en Nederlando aperis 2.300 publikaĵoj pri Esperanto en 142 gazetoj. Nuntempe estas tie 16 gazetoj tagaj, 12 semajnaj kaj 5 monataj, kiuj regule publikigas Esperanto-rubrikon.

— La profesora kolegio de la Teknika Altlernejo de Vieno (Aŭstrujo) nomis s-ron d-ron Sirk lektoro de Esperanto por la Altlernejo.

— La konata rumana verkistino Helena Vacaresco, delegitino de Rumanujo ĉe la Ligo de Nacioj, malsukcesiginta en 1921-1924, kiam la demando pri Esperanto estis pritraktata en la Ligo, la koncernajn favorajn proponojn, nun deklaris, ke estonte ŝi ĉiam vigle subtenos Esperanton. Ŝi nun opinias, ke Esperanto estas la ĝusta mondlingvo, kiu ne nur ne malutilos al la naciaj lingvoj, sed ŝirmos ilin kontraŭ difektado per uzado de fremduloj.

# KLARIGOJ kaj KONSILOJ

25) *S-ro S. en F.* Jam nun nia literaturo estas tre ampleksa kaj multeflanka, ankaŭ la faka, kiu aparte interesas vin. Por via bezono ni rekomendas la verkojn : 1. Ornitologia Vortaro de Stojan, 2. Poliglota vademecum de Internacia Farmacio de Rousseau, 3. Esperanta teknika medicina Vortaro de Briquet, 4. Scienca Fundamenta Esperanto-Terminaro de Rollet de l'Isle, 5. Universala Terminologio de la Arkitekturo de Azorin, 6. Evoluo de la Telefonio de Isbrücker, 7. Filozofia Vortaro de Kamaryt, ktp.

26) *F-ino O. en K.* Dankon pro la konfido. Por la kabineto vi povas aboni la revuon « La Juna Vivo ». La problemo ĝenerale estas tro komplika por esti pritraktata ĉi tie. Mi eble povos publikigi artikolon pri tiu demando en la « Internacia Pedagogia Revuo ». Tiam mi sendos al vi ekzempleron.

27) *S-ro B. en B.* Vi estas tre malfeliĉa konsciante, kiom malmulte vi sukcesis legi en « via vivo ». Ni bone komprenas vian junulan senpaciencon, opinias tamen, ke por via aĝo vi jam legis mirige multe. Vi konsideru, ke legante dum la *tuta vivo* — ni diru de la dekjara ĝis la sepdekjara aĝo — ĉiusemajne unu libron, oni *sepdekjara* estos leginta entute tri mil librojn — guto en la maro de la ekzistantaj literaturaĵoj. Sed la fortoj de la homo kaj lia tempo sur la tero estas limigitaj, limigitaj ankaŭ... la postuloj. Nur estas rekomendinda plej severa elektemo pri la legotaĵo. Nur la plej valoran, la plej necesan oni legu.

28) *S-ro Ĉ. en Ĥ.* Vi ja mem kulpas pri tio, kio okazis. Vortoj estas plej efika, plej potenca kaj pro tio plej danĝera homa armilo. Oni devas lerni manipuli tiun armilon lerte kaj uzi ĝin lerte kaj singarde.

M. M.

# La ideo de normo en la lingvo

D K 389.6 : 4

Enhavo.

Esperanto eltrovita lingvo. — Ekzemploj de normitaj partoj de naciaj lingvoj. — Esceptoj en Esperanto. — La tabelo de 9 × 5 mallongaj vortoj, bona ekzemplo de lingva normigo. — Analogajoj el diversaj naciaj lingvoj. — Graveco de teknikaj vortaroj. — Esperanto kaj elektrotekniko; utilo de Esperanto por sciencaj verkoj. — Oni evitu ne nur homonimojn, sed ankaŭ sinonimojn. — Aliaj ecoj de efektive utilaj vortaroj. — Naciismoj kaj Esperanto. — Komercaj adresaroj kaj Esperanto : germana de Mosse, franca de Didot-Bottin. — La decimala klasiga sistemo de Dewey. — Apliko de tiu ĉi sistemo al vortaroj. — Specimenoj.

———

La konata libro de Wüster, studinda de ĉiu, kiu okupas sin pri la teoria flanko de la granda problemo de internacia lingvo, estas grava pro ĝiaj principaj klarigoj, estas al mi kaŭzo, pli profunden puŝi ideon, kiun mi alparolis okaze pri Esperanto : Esperanto ne estas — kontraŭe al la « naturaj » « vivantaj aŭ mortintaj » « naciaj » lingvoj — artefarita, elpensita lingvo, sed eltrovita de doktoro Zamenhof. La klasika ekzemplo de tiu ĉi fakto estas la artikolo — ekzistanta ja en Esperanto nur por unu, la difinita formo : « la »: Elektis Zamenhof nur unu formon komunan al la genro kiel en angla lingvo « the » La ideo gvidinta doktoron Zamenhof estis sendube la jena : « se ekzistas nur unu ekzemplo por la fakto, ke vortspeco aŭ vortformo estas laŭregule formata en iu ajn « vivanta » lingvo, oni rajtas akcepti tiun ĉi regulon por la helplingvo ne nur por la korespondaj vortoj sed ĝenerale ». Oni atentigis min, ke por la absolute regula elparolmaniero en Esperanto ekzistas ekzemplo en la itala lingvo, kies elparolado estas preskaŭ laŭregula. Ŝajnas al mi, ke nur la litero « c », kiun nomis la mondkonata lingvisto profesoro Jespersen la plej impertinenta litero, estas escepto, ankaŭ « g ». Sed la « ph » estas forigita el la itala alfabeto, same « x » kaj « y ». Tamen oni elparolas la vokalojn en la itala lingvo diversmaniere — en Esperanto feliĉe nur unumaniere. Donante kelkajn ekzemplojn de tiaj lingvaj normigaĵoj mi unualinie volas demandi la legontojn, konigi al mi aliajn el aliaj lingvoj. Kompreneble mi scias, ke ĉiu tasko starigi la gramatikon de ia ajn lingvo apartenas al nia temo. Grave estas en tiu ĉi kunteksto trovi tiajn regulojn, de kiuj ekzistas esceptoj neniaj, aŭ nur malmultaj. Speciale estas dezirataj faktoj por agrabligi la laboron al multaj kunlaborantoj — interesaj speciale el kulturhistoria vidpunkto. Ekzemple la hebrea lingvo enhavas grandan nombron da radikoj, konsistantaj el tri konsonantoj : *borah*; *jomar*; *dowar*; en la rumana lingvo granda nombro da substantivoj finiĝas je « u », sed ekzistas aliaj substantivoj finiĝantaj alie. Do oni nur povas diri : ĉiuj vortoj finiĝantaj per « u » estas substantivoj en rumana lingvo ! Oni preferos utile ekzemplojn koncernantajn speciale Esperanton aŭ ĝenerale la problemon de helplingvo. Certe estas rimarkinde, ke en Esperanto la adjektivoj estas ŝanĝataj per « n » kaj per « j », kvankam en la angla lingvo la adjektivoj restas ĝenerale neŝanĝataj.

Ke ni en nia germana lingvo posedas vortformon finiĝantan ĉiam kaj sen escepto je « n », en la granda plejmulto de kazoj eĉ je « en », eble multaj — germanaj — legantoj ne jam pripensis ! La germana infinitivo : sein, hoffen. Ankaŭ la unua kaj la tria « personoj » pluralaj havas la saman formon — akordiĝantan kun la infinitivo de l'estanteco : wir hoffen, sie hoffen. — Mi kontentiĝas je ekzemploj, ne intencante tie ĉi elĉerpi la temon.

Mi petas do kore ĉiujn interesemulojn pri tiaj problemoj, ke ili bonvolu skribi al mi aliajn ekzemplojn.

Se estas permesate al mi, nomi Esperanton norma aŭ eble la norma lingvo — mi revenos al tiu ĉi problemo — aliaflanke devas esti konsiderata kiel grava la demando, kie Esperanto eble ne sekvas striktan normon. Ni efektive diras, ke lerninte la dekses regulojn, oni povas kompreni, skribi kaj paroli Esperanton per la vortaro ; tamen oni devas atenti, ke en la konata tabelo de la kvinfoje naŭ vortoj la finiĝo « u » ne signifas la imperativon, sed la personon. Ke plue la ĝenerala finiĝo de la adverboj manieraj « e » en la tabelo signifas la lokon — verŝajne por ebligi la aldonon de « n » reprezentanta la direkton — kaj la manieron reprezentas « el ». Cetere tiu ĉi tabelo estas la plej perfekta normo lingva, kiu iam estas elpensita kaj efektivigita en lingvo artefarita : ĉar tiu ĉi parto de Esperanto estas efektive artefarita. Mi jam dum la Dresdena kongreso — 1908 — montris modelon ebligantan mekanike kunmeti la silabojn. En pli malgrandigita formo mi esperas montri modeleton pli poste. Certaj analogioj de la 5×9-vorta tabelo jam ekzistas en la latina — talis, qualis — ankaŭ en nia germana lingvo : warum ? darum — kial ? tial — wohin ? dorthin — kien ? tien — woher ? dorther — de kie ? de tie. Certe kelkaj el la 9 × 5 laŭregule formitaj vortoj nur malofte povas esti uzataj : ekzemple ĉial, ĉiel. Mi persone pensas, ke tiu ĉi ekonomio, lerniganta 9 kaj 5 vortojn respektive formojn anstataŭ 9-foje kvin, ŝpariganta do 45 — 14 = 31 vortojn alie lernotojn, estas unu el la plej geniaj homaj pensaĵoj. Sed ekzistas ankaŭ tre ŝatindaj homoj, kiuj alie opinias, ĉar la lernado de la 9 kaj 5 silaboj estas al ili malfacila. Laŭ mia sperto la plifaciligo nur ekzistas dum la periodo de lernado : baldaŭ oni konas la 45 vortojn tute parkere sen ia pripenso aŭ spirita kunmetado. Aliaj kreintoj de artefaritaj lingvoj prenis la malgrandajn vortojn e la latina lingvo ; sed ili forgesas, ke utilon el tio tiras nur la malgranda parto de adeptoj jam konanta aliajn lingvojn speciale la latinan. Kaj por la granda parto de aliaj Zamenhof kreis do Esperanton, la « latinon de la demokratio » !

Preskaŭ tute regula estas la formado de la adverbo en la franca lingvo, escepte bien (bone) mal (malbone) kaj kelkaj aliaj ; ĉiuj adverboj estas formataj per la ina formo de l'adjektivo kun la afikso « ment ». Ankaŭ la formado de la komparativo kaj de la superlativo en franca lingvo per « plus » (pli) kaj per « le, la plus » (la plej) devas esti menciata en tiu ĉi kunteksto. La germana lingvo tie ĉi estas iom malpli regula por la « Umlaut » vokalŝanĝo kiel ĉe hart (malmola) : härter, härteste.

Ke la radiko konsistas el tri konsonantoj, estas eco de ĉiuj semitaj lingvoj. Ankaŭ la derivado de la substantivo el la verbo iĝas laŭregula ekzemple en la hebrea lingvo : borah = kreis, boreh = kreinto. La verbo aperas en hebrea lingvo sub diversaj formoj, genroj : la hifilo signifas principe la kaŭzativon, kio estas en Esperanto « igi » ; sed tiu ĉi hifilo korespondas samtempe ankaŭ al « iĝi » ĉe intransitivaj verboj.

La hispaelo signifas agadon « unu la alian » ; la pielo la « intensivum » korespondanta al Esperanta egi.

Por diri tion ĉi okaze : la Esperanta prefikso « mal » havas krom la franca vorto « malheureux » sufiĉe interesan analogion en la latina vorto « negotium » ; neg estas ja

« mal » kaj « otium » signifas « libertempo ». Oni povus popolpsikologie konkludi el tiu ĉi vortformaĵo, ke « otium », la libertempo, ekzistis antaŭe kaj ke la neceseco okupi sin pri ia afero « negotium » ne estis la originala ago de la Romanoj. Fine mi atentigas, ke la Esperanta formo de l'esprimo « patrino » laŭvorte germanen tradukita « Väterin » havas perfektan analogion en nia germana lingvo : « Gevatterin », kio signifas « baptopatrinon ». Konsiderante la dekses regulojn kiel normojn kaj same la principojn fiksitajn por la vortformado el radikoj, prefiksoj kaj sufiksoj oni konstatas sendube, ke okaze oni ne sekvas la normojn ; oni povas diverse opinii pri la rajteco kaj la celeco : se la ideo *selten* germane estas en Esperanto *malofte*, devas ankaŭ esti permesite diri « malantaŭ » por germane « hinter » ; speciale oni bezonus en Esperanto du vortojn malsamajn, diversajn, por la ideo antaŭ laŭtempe kaj laŭloke (france avant kaj devant). Oni povas eĉ demandi, ĉu oni rajtus malaprobi iun, kiu skribas malantaŭ anstataŭ post. Efektive « post » estas pli mallonga ol malantaŭ. En la moderna franca lingvo ekzistas ja diferenco inter *avant* kaj *devant*. Mankas ankaŭ en Esperanto vorto esprimanta la ideon, kiun reprezentas la germana « als ». La vorto « kiel » ŝajnas al mi ne korespondi al la ideo de « als » : ĉar certe estas diferenco, ĉu diras iu ion *kiel* instruisto aŭ *estante* instruisto. Oni helpas sin ja per « estant » sed ĝenerale tio ne fariĝas. Se ni diras propagandante Esperanton, ke ĝi estas pli logika ol « naturaj » lingvoj, ni ne devas forgesi ke ĉiu homa verko estas iom aŭ iel neperfekta.

La plej grava parto de nia malgranda studaĵo estas efektive la fundamenta, eĉ fundamentega problemo de la vortaroj, de la formado de la fakaj esprimoj, latine nomitaj « termini technici » por ĝin akcentumi, de la centra prilaborado de tiaj vortaroj. — Mi atentigis pri tio jam antaŭ kelkaj jaroj kaj ripetas tiun ĉi admonon kiel eble plej laŭte kaj imprese. Nia tuta estonta efikeco aŭ la efikeco de Esperanto dependas de la scienca solvo de tiu ĉi problemo.

*(Daŭrigota).*

---

## Ridu...

*Ridu nur !*
*Antaŭmetu la maskon de l'gajo*
*Ridu, se eble —*
*Rido kaŝos sangadon de l' kor'.*
*Gaju nur !*
*Se la vivo ne ŝajnas nur majo, —*
*Gaju senĝene,*
*Kaj pro gajo ĉesiĝos la plor'.*

*Ĝuu nur,*
*Se de l'tuto ĝi estas nur ero, —*
*Ĝuu laŭpove*
*La donacon de l'ĝoja moment'.*
*Drinku nur*
*Kaj ne pensu pri homa mizero !*
*Drinku plengute,*
*Ke la vivon forblovu la vent' !*

N. Ĉulitis

(El « Literatura Mondo »).

## STATO DE LA RADIO-STATISTIKO EN LA JARO 1935

**(El la Jarlibro 1936)**

| Lando / Sendstacio | Paroladoj pri Esp. | Paroladoj en Esp. | Esp. kursoj | Dissendoj ĝis 1934 | Dissendoj fino 1935 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrujo | | | | | |
| Graz | — | 46 | — | 283 | 329 |
| Innsbrück | — | 46 | — | 243 | 289 |
| Klagenfurt | — | 46 | — | 243 | 289 |
| Linz | — | 46 | — | 196 | 242 |
| Salzburg | — | 46 | — | 158 | 204 |
| Vorarlberg | — | 46 | — | 50 | 96 |
| Wien | — | 46 | — | 284 | 330 |
| Ĉeĥoslovakujo | | | | | |
| Brno | — | 13 | — | 160 | 173 |
| Bratislava | — | 13 | — | 74 | 87 |
| Košice | — | 13 | — | 8 | 21 |
| Moravska-Ostrava | — | 19 | — | 15 | 34 |
| Praha | — | 13 | — | 47 | 60 |
| Estonujo | | | | | |
| Tallinn | — | 57 | — | 333 | 390 |
| Tartu | — | 57 | — | 212 | 269 |
| Francujo | | | | | |
| Alpes-Grenoble | — | 6 | 6 | 182 | 194 |
| Cannes | — | 42 | 10 | 155 | 207 |
| Juan-les-Pins | — | 42 | 10 | 155 | 207 |
| Lille P.T.T.-Nord | — | 25 | 25 | 322 | 3 |
| Limoges P.T.T. | — | 6 | 6 | 123 | 135 |
| Lyon-la-Doua | — | 36 | 9 | 476 | 521 |
| Radio-Lyon | — | — | 23 | 117 | 140 |
| Marseille-Provence | — | 34 | 3 | 176 | 213 |
| Nice | — | 42 | 10 | 155 | 207 |
| Paris P.T.T. | — | 24 | 24 | 368 | 416 |
| Tour Eiffel | — | 34 | — | 82 | 116 |
| Italujo | | | | | |
| Milano | — | 60 | — | — | 60 |
| Roma | — | 60 | — | 22 | 82 |
| Jugoslavujo | | | | | |
| Ljubljana | — | 15 | — | 221 | 236 |
| Nederlando | | | | | |
| Hilversum | — | 21 | — | 98 | 119 |
| Huizen | — | 43 | 23 | 320 | 386 |
| Norvegujo | | | | | |
| Bergen | — | 1 | — | 3 | 4 |
| Fredrikstad | — | 1 | — | 3 | 4 |
| Oslo | — | 1 | — | 76 | 77 |
| Notodden | — | 1 | — | 33 | 34 |
| Porsgrund | — | 1 | — | 33 | 34 |
| Rjukan | — | 1 | — | 33 | 34 |
| Polujo | | | | | |
| Krakow | — | 14 | — | 73 | 87 |
| Warszawa | — | 14 | — | 58 | 72 |
| Portugalujo | | | | | |
| Lisboa | — | — | 16 | 35 | 51 |
| Lisboa CT1A | — | 8 | — | 48 | 56 |
| Sovet-Unio | | | | | |
| Leningrad | — | 157 | — | 378 | 535 |
| Minsk | — | 158 | — | 779 | 937 |
| Svedujo | | | | | |
| Helsingborg | — | 4 | — | 60 | 64 |
| Karlskrona | — | 3 | — | 60 | 63 |
| Stockholm | — | 6 | — | 40 | 46 |
| 29 relajsoj | — | 144 | — | 783 | 927 |
| Svislando | | | | | |
| Genève | — | — | 9 | 617 | 626 |
| Sottens | — | — | 9 | 108 | 117 |

---

**Ĉu ĉiuj viaj amikoj estas jam anoj de UEA ?**

# BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

Jubileumboek 1911-1936. Eldonis Arbeiders-Esperantisten in het Gebied van de Nederlandse Taal. 160 paĝoj. Formato 16 × 24 cm. Prezo Cts. 50 (1936-13).

*N. van Hichtum. trad. S. D. Mannoury.* Kudlago. Eldonis Förlagsföreningen Esperanto U.P.A., Box 698, Stockholm. 40 paĝoj. Formato 12 × 18,5 cm. Prezo Sved. kr. 0.75. (1936-14).

*L. Sinha.* Hindo rigardas Svedlandon. Eldonis Eldona Societo. Box 698 Stockholm. 200 paĝoj. Formato 14 × 21 cm. Prezo Sved. kr. 3.75. (1936-15).

*C. Cowling D.B.E.A.* Pri la iamaj Tasmanianoj. Eldonis Christ College, Hobart (Tasmanio). 12 paĝoj. Formato 14 × 22 cm. Prezo penc. 9. (1936-16).

*R. F. Vaugham* : El Verdavalo 1-3. Eldonis Verdavalo-Eldonejo P.O. Box 149, Sandakan. B. N. Borneo. 16 paĝoj. Formato 14 × 22,5. Prezo afrankite 2 respondkuponoj (1936-17).

*Axel Munthe trad. Jenny Weleminsky* : Romano de San Michele. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 512 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 5.40 bind. sv. frk. 6.30, afranko + 10% (1936-18).

*Ferdo Delak, Ivan Cankar, trad. Franjo Modrijan* : Servisto Jernes kaj lia Rajto. Eldonis Esperanto-Klubo (Joze Kozlevĉar) Ljubliana (Jugoslavio). 26 paĝoj. Formato 12,5 × 19. Prezo ne indikita (1936-19).

## NOVAJ ĈEFEĈ-ŜLOSILOJ

En la konata serio da Ĉefeĉ-ŝlosiloj ĵus aperis :

Germana ŝlosilo. Prezo : 5 ekz. por 1 internacia respondkupono afrankite.

Baska ŝlosilo. Prezo : 1 ekz. sv. frk. 0.10.

La ŝlosiloj estas haveblaj ĉe UEA.

# ENHAVO DE LA JARLIBRO 1936

Antaŭparolo. *La Prezidanto* — Klariga Enkonduko. *La Direktoro* — Komitato — Estraro — Raporto — Bilanco kaj Kontoj de U.E.A. — Statistiko laŭlanda de la membraro — Patronoj — Honoraj Membroj — Dumvivaj Membroj — La Mortintoj 1935 — Lingva Komitato kaj Akademio — Raporto de la Lingva Komitato — Raporto de la Radio-Komisiono — Internacia Esperanto-Muzeo — Gazetaro Esperantista — Esperantistaj Landaj Asocioj — La Esperanto-Movado en diversaj landoj — Landaj Ĉefdelegitoj kaj Perantoj — Konsiloj al la Delegitoj — La Delegitaro.

## ESPERANTO ĈE LA VEGETARANOJ

— La IX Internacia Kongreso de Vegetaranoj decidis, ke dum la estontaj kongresoj, ekde 1938, la paroladoj estu tradukataj nur en Esperanton. Samtempe la Kongreso rekomendis al la partoprenantoj lerni Esperanton, por ke la paroladoj mem povu okazi en tiu lingvo kaj traduko estu superflua.

# Esperanto en la Internacia Specimenfoiro Valencia

Daŭrigante plurjaran kutimon, ankaŭ nunjare Esperanto havis standon en la Valencia Internacia Specimenfoiro (Hispanujo), kiu okazis dum majo. En ĝi estis prezentataj afiŝoj de eksterlandaj similaj foiroj kaj ankaŭ bildoj montrantaj la aplikon de la lingvo por turismaj celoj. Dejorantaj samideanoj disdonadis propagandilojn al la vizitantoj. La stando bele aspektis kaj altiris la atenton de la publiko.

La « Grupo Esperantista Valencia », organizinto de la ekspozicio, petas la geesperantistojn el ĉiuj landoj, ke ili sin turnu al « Comité de la Feria de Muestras — Valencia — España » kun peto, ke oni presigu esperantlingve la eldonotajn murafiŝojn kaj faldfoliojn pri la venontjara foiro.

# INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro da vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.* : certe respondos.
*dez.* : deziras.
*f-ino* : fraŭlino.
*gaz.* : gazeto.
*intŝ.* : interŝanĝo.
*k.ĉ.l.* : kun ĉiuj landoj.
*kor.* : korespondi.
*L.* : letero.
*p.ĉ.t.* : pri ĉiu temo.
*PI* : poŝtkarto ilustrita.
*PK* : poŝtkarto.
*PM* : poŝtmarko.
*s-ino* : sinjorino.
*s-ro* : sinjoro.

*Svendborg.* Letervespero okazos la 6.8.1936. Kor. dez. 20 novaj Esperantistoj kun tutmondo. Adr.: Valdemarsgade 27.

*Filatelistoj* ! Ĉu vi deziras hispanajn poŝtmarkojn ? De reĝa kaj respublika reĝimoj ? Mi interesâŋgas laŭ Yvert 1936.

*Atentu* ! Por 5 respondkuponoj mi sendos 50 malsamajn kaj nedifektitajn PM de triobla valoro. Adresu vin al S-ro Rafael Vizcaino Olcina, Banco Hispano Americano, Albacete (Hispanujo).

*Plzen* (Ĉeĥoslovakujo). Emil Kobylka, poruĉ, delostr. pluku 2 PM, PI, L, gaz.

Senpage estas havebla « Regno de pensoj ». Adr. : Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo (Ĉeĥoslovakujo).

*Viljandi* (Estonujo). F-ino Alide Vares, Posti 44, intŝ. PM laŭ Yvert kaj Michel. C.r.

*Voronej-Centro* (USSR). Kiu dez. kor. (individue aŭ kolektive) kun sovetaj gekdoj, skribu al jena adreso : K-do A. A. Kozlov, ul. St. Razina 41, kv. 8.

*Amsterdam* (Nederlando) S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

*Mukaĉevo* 3, (Ĉeĥoslovakujo). S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

*Leningrado* 3, (USSR). Poŝtkesto — 492 Esperanto K. Batja deziras kor. kun ĉiulandaj kuracistoj kaj farmaciistoj homeopatoj kaj kun laboristoj de la ceramika kaj porcelana industrio.

Esperanto Grupo « Internacia Frateco », San Francisco (Córdoba-Argentino), Str. Rioja 750, salutas la esperantistan familion kaj deziras korespondadon kun ĉiuj landoj.

*Hermsdorf* (Kynast) Germanujo. Rudolf Hobits, kor. PI kaj L. kun gesamideanoj el ĉiuj landoj. Intŝ. ankaŭ PM.

*Tottori* (Japanujo). S-ro Yamakawa-Hidejosi, Wakasa-machio 30 Sendu tipajn bildkartojn (prefere brilajn fotojn) kaj mi rekompencos vin per belaj Esp-aĵoj.

*Amiens* (Somme). S-ro Paul Goret, 23-jara laboristo en oficejo, 45 boulevard Thiers. PI, MP, k.ĉ.l. Certe respondos.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 631-6-36.